# Sennaciulo

Oficiala organo de sennacieca asocio tutmonda

Aŭgust-Septembro 2000
ISSN 1163.0442
*Pri la enhavo de artikoloj respondecas la aŭtoroj mem*
71-a jaro, n-ro 8-9 (1142-1143)
MENSUEL/MONATA




Grupo de kongresanoj dum la ekskurso al Kremlo.

## Eta sed efika !

vidu impresojn pri la kongreso en Moskvo, paĝoj 87-88.

ooo

Venontaj kongresoj de SAT :

2001.07.14-20

**NAGYKANIZSA**

Hungario




jaro 2002 :

**ALICANTE**

Hispanio

SAT SUR TTT :http://www.multimania.com/satesperanto

SAT-ANOJ KUTIMIĜU AL EKSTERNACIA SENT-, PENS-, KAJ AGADKAPABLO! LANTI

## EL LA REDAKTEJO....

Karaj gekamaradoj,

antaŭ la sendo de tiu ĉi numero al la presejo, mi hezitis ĉu daŭrigi tiun ĉi redakcian kolumnon aŭ ne. Ja, mi havas la impreson ke neniu legas ĝin, ĉar estas neniaj reagoj al miaj plendoj, invitoj kaj vokoj. Tamen, parolante kun kelkaj gekongresanoj en Moskvo, mi konstatis ke ili tamen legas tiun ĉi kolumnon kaj mi decidis daŭrigi ĝin.

Ĉi tiu numero estas dumonata kaj iom pli ampleksa ol la kutimaj. Vi povas legi la unuajn impresojn pri la kongreso, la apudajn Deklaracion kaj Gvidrezolucion. Ankaŭ aperas la unuaj informoj pri la venontjara SAT-kongreso. Ne mankas viaj reagoj kaj kelkaj aliaj artikoloj. Vi sciu ke ankaŭ estis malfermita debatejo de SAT en la reto al kiu estas aŭtomate aligitaj ĉiuj SAT-anoj posedantaj retaliron. Pri la plej gravaj debattemoj ni informos niajn legantojn en Sennaciulo. Tiuj, kiuj posedas retadreson kaj ne ankoraŭ sciigis ĝin al la SAT-ejo, bonvolu nepre tion fari. Ne forgesu sciigi la SAT-ejon ankaŭ pri eventualaj ŝanĝoj de via retadreso. Subtenu SAT per via aktiveco.

Plej kamaradece via,

*Redaktoro*

Asocia sidejo de S.A.T., administrejo kaj redaktejo: 67, avenue Gambetta, FR-75020 Paris, tel. +33.1.47.97.87.05, telekopiilo: +33.1.47.97.71.90.
Retadreso: satesper@cybercable.fr. sat@esperanto.nu
Oficejo malfermita: lunde de 9h30-15h30; de mardo ĝis vendredo: 9h30-16h30. Ekster la laborhoroj funkcias aŭtomata registrilo.
Poŝtkonto: SAT n° 1234-22 K, Paris.
Redaktas: Redakta Komitato - Y. Peyraut, P. Lévy, G. Rollin kaj K. Barkoviĉ.
Ĉefredaktoro : Kreŝimir Barkoviĉ
Ekspedejo de Sennaciulo: adreso de la redaktejo.
Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem. Ricevitajn manuskriptojn oni ne resendas. La limdato de ricevo de manuskriptoj estas la 10-a de kuranta monato.
*
Imprimé par : S.I.B., B.P. 343, FR-62205 Boulogne-sur-Mer Cedex, Francio.
Aperas monate - Mensuel.
Le directeur de la Publication: Yves PEYRAUT
Abonnement annuel/jara abono, France: 336 FRF aŭ 51,70 €
Autres pays/aliaj landoj : peti la tarifon de nia peranto aŭ de la SAT-Centro.
Dépot légal à la date de parution.

**Commission Paritaire n° AS-74399**
**Limdato por ricevo de kontribuaĵoj estas ĉiam la 10-a en la monato.**

## DEKLARACIO DE LA 73-A SAT KONGRESO EN MOSKVO (15-23.07.2000)

La 73-a SAT-kongreso, okazinta de la 15-a ĝis la 23-a de julio en Moskvo (Rusio) :

1) - Firme opiniante ke eĉ la plej komplika konflikto ĉiam havas alternativan pacan solvon, **kondamnas** ĉiajn militojn kiel rimedojn por solvi iajn ajn problemojn de la nuna mondo, i.a. **la militon en Ĉeĉenio.**

2) - **kondamnas** ankaŭ **iun ajn terorismon**, ĉu individuan, ĉu ŝtatan, ĉie en la mondo.

3) - **subtenas** ĉiujn pacbatalantojn en la mondo.

4) - **kondamnas** rompon de la Biŝkeka konvencio, ĉar tiel estas malhelpata libera senviza vojaĝado kaj libera kontakto.

5) - **alvokas** ĉiujn registarojn en la mondo respondi taŭge al la civitanaj movadoj por enkonduki en la realan, tamen nepran tutmondiĝon, pli kaj pli da demokratio.

6) - agnoskante, ke la kapitalismo, surbaze de la ekspluatado de la homoj, socio kaj naturo por profito de nur kelkaj homoj, estas la ĉefa kialo de niaj sociaj, politikaj kaj ekonomiaj problemoj, **subtenas** la nunajn disvastiĝantajn movadojn, kiuj manifestacias diverslande kontraŭ tiaj internaciaj instancoj kiel Monda Banko, Internacia Mona Fonduso, Monda Organizo por Komerco, kies kunvenoj estas nedemokratie komisiataj kaj kiuj strebas al transformiĝo de ĉio (eĉ de la vivo mem) en vendeblaĵojn.

7) - **subtenas** la formiĝon de forta kaj kreema nehierarkia movado celanta al socio, en kiu la homoj ne ekspluatu kaj ne subpremu la aliajn homojn, komunumojn kaj naturon, cele al la mondo, kiu baziĝu sur la solidareco, kooperado, demokratio kaj ekologia vivtenado.

8) - **subtenas** la batalon de neregistaraj organizoj en Rusio por restarigo de malfonditaj decidpovaj ŝtataj mediprotektaj kaj arbarmastrumaj instancoj; tio estas nepra, eĉ ne sufiĉa kondiĉo por konservado de biodiverseco kaj naturaj heredaĵoj.

*****

## GVIDREZOLUCIO

(por interna uzo)

La 73-a SAT-kongreso, okazinta de la 15-a ĝis la 23-a de julio en Moskvo (Rusio) :

1) - **petas** la Plenum-Komitaton memorigi al la LEA-oj iliajn rolojn: unue pri instruado de Esperanto kaj due, pri varbado de novaj membroj al SAT.

2) - **aprobas** la proponon de la Odesa grupo «Esperanto 2000», kiu celas la enkondukon de Esperanto en internaciajn rilatojn sur ŝtataj niveloj, kaj tiucele **komisias** la Plenumkomitaton instigi la LEA-ojn kontakti kun aliaj esperantistaj movadoj por ĝin apogi.

3) - **rekomendas** al la membraro pliaktivigi aŭ ekstarigi kontaktojn pere de Esperanto inter sampartianoj kaj samsindikatoj en diversaj landoj, cele al komuna internacia laboro.

4) - **gratulas** kamaradon Sebastian Hartwig (kiu prizorgas la TTT-paĝojn de SAT) pro lia laboro nuna kaj estonta.

5) - **petas**, ke ĉiu retano donu sian retadreson al la sekretario de SAT, kaj tiuj, kiuj ne havas retaliron, la eventualajn retadresojn plej facile atingeblajn.

6) - **reasertas**, ke por havi novajn membrojn, SAT devu daŭre kaj nepre labori kun progresemuloj.

7) - **konsilas** starigon de novaj rubrikoj, aperontaj en «Sennaciulo», pri kiuj respondecu la proponantoj.

8) - **invitas** la membraron eltiri la konkludojn de la opinienketo por sia agado.

9) - **alvokas** partopreni surstratan manifestacion la Unuan de majo 2001 en Bruselo kaj en hejmaj lokoj.

10) - **alvokas** ĉiujn SAT-membrojn subskribi «Manifeston 2000» pri kulturo de la paco kaj senperforto.

11) - **decidas** apogi komunan tradukon de la informlibreto kiu titolas «ATTAC, kontraŭ la diktaturo de la merkatoj».

# MALGRANDA, SED EFIKA

Kara,

mi nur antaŭ kelkaj tagoj revenis el Moskvo, de la 73a SAT-kongreso, kiu devis esti nia komuna kongreso. Jes, mi scias, ke vi elektis Tel Aviv-on kaj UK-on kaj, kompreneble, por tio vi havas kialojn kaj kaŭzojn... sed mi volas rakonti kian semajnon ni havis en rusa ĉefurbo kaj vi mem konkludu, ĉu Israelo estis pli valora, pli sekura kaj pli alloga... Miaj impresoj estas tre personaj, eble aliaj kongresanoj ne ĉion vidis kiel mi, kaj tamen tiu ĉi teksto estas dediĉita ankaŭ al la legantoj de Sennaciulo, do mi klopodos rakonti pli-malpli detale pri ĉio.

Vere tiu-ĉi kongreso eniros la historion de SAT kiel la plej malgranda kongreso. Ja partoprenis ĝin ĉirkaŭ 80 personoj (entute ĉirkaŭ 125 kun okazaj partoprenantoj) el kiuj multaj estis lokaj esperantistoj, moskvanoj, ne ĉiuj SAT-membroj kaj multaj eĉ ne aliĝintoj al la kongreso. Tamen statistiko diras, ke ni estis el 13 landoj kaj 3 kontinentoj. Malgraŭ mia suspekto, ke dum kunsidoj ni estos nur dudeko da partoprenantoj, mi devas diri, ke en salono estis multaj homoj, eĉ pli multaj ol en Odeso, kie ĉiujn logis la maro. Kiel kutime en kunsidoj ni pritraktis raporton de la PK kaj la lastan tagon ni eĉ havis tempon por Libera Forumo, kie estis priparolitaj por ĉiuj gravaj aferoj: milito en Ĉeĉenio, senlaboreco, sorto de rifuĝintoj el Afganistano en Rusio, afrikanoj en Hispanio k.t.p. Cetere, pri labora flanko de kongreso vi legos en la protokoloj de la kongreso. Mi nur volas diri, ke ni vere pritraktis ĉiujn necesajn temojn kaj Moskva kongreso estis la unua dum multaj lastaj kongresoj kie «mankis» kutime tre aktivaj parolantoj pri "nenio..". Tio ne signifas, ke mankis diskutoj, sed kiel mi jam diris, legu tion en venonta Sennaciulo. Nun mi prefere klaĉetos pri... Kio plej interesus vin? Kiel organizita estis la kongreso?

Mia pritakso estas tre pozitiva: jam ĉe la alveno ĉiuj, kiuj avertis, estis akceptitaj kaj akompanitaj ĝis la hotelo. Ĝi situas en interesa distrikto de Moskvo: de 5 altegaj, en la vico starantaj 16-etaĝaj konstruaĵoj, kiuj apartenas al hotelo «Sevastopol», nun nur en du estas vere hotelo. En du unuaj estas bazaro kie komercantoj luas ĉambrojn kaj negocas per diversaj varoj, ĉifonoj, roboj, k.t.p. En la tria troviĝas la rifuĝintoj de Afganio kiuj nun ne povas reveni al la patrolando. Ja ili estis ĉe la flanko de Rusio, sed ankaŭ por Rusio ili ne estas bezonataj... Tamen nia hotelo estis vere hotelo: ne mankis varma akvo, ni ĉiuj havis televidilon kaj fridujon en la ĉambro, kaj estus peko plendi pri pureco. Por ekssoveta ekzotiko ne mankis kelkaj, konataj de Sankt Petersburgo, aferetoj: aro de giĉetoj kie ni devis dum registrado atendi, gardistoj kiuj kontrolis niajn hotelajn kartojn. Ja, en Moskvo, pro timo de eksplodoj, nun oni estas speciale atentemaj. Deĵorantinoj en etaĝoj al kiuj ni devis transdoni la ŝlosilojn, lifto, kiu ne venas dum kvarono de horo, nome tiam kiam ĝi estas urĝe bezonata, sed tio estas vere bagatelaĵoj. Restas nur bedaŭri, ke kostoj, kiuj estis normalaj por okcidentanoj estis tamen tro altaj por orientanoj kaj ne ĉiuj kongresanoj povis kune loĝi, kune manĝi kaj kune pasigi vesperojn en la kavo, en kongresa trinkejeto, en manĝejo.

Ĉiam afablaj, ĉiam helpemaj, junaj kaj simpatiaj, lerte gvidataj de Nikolao Gudskov, profesoro Anatolij Ŝejpak, Denis Moĵajev, Natalia Arloviĉ, Helena Ŝevĉenko kaj de olimpike trankvila kasisto Mikaelo Ĉertilov, ili estis vere bona teamo kiu ebligis normalan kaj sukcesan kongresan laboron. Vi ja scias ke pro mia kono de la rusa, mi en Odeso kaj Sankt-Peterburgo povis kompreni kiajn malfacilaĵojn havas la OKK pro ĝeneralaj kondiĉoj de niaj «ekssovetiaj» landoj kaj pro lokaj miskomprenoj. Tamen, pri organizantoj de tiu-ĉi kongreso mi nur povas diri, ke aŭ ili ne havis problemojn, aŭ ili tre lerte solvis ilin. Kiel partoprenantino, mi nenian mankon aŭ miskomprenon rimarkis, krom kelkaj etaj detaletoj kiujn ne valoras eĉ mencii. La organizantoj plenumis ĉiujn kutimajn dezirojn. Do estis ankaŭ ĉiam dezirata ekskurso al fabriko kaj renkontiĝo kun sindikatistoj. Ni vizitis fabrikon "Liĥaĉov", kiu produktas diversspecajn aŭtomobilojn, fridujojn, mikroondajn fornojn kaj aliajn varojn. Fabriko estas impona, ĉar por moviĝi sur ĝia teritorio oni bezonas aŭtomobilon kaj apartenas al fabriko ne nur laborfakoj (ni vizitis la fakon kie oni muntas aŭtomobilojn per jam pretaj pecoj kaj muzeon), sed ankaŭ vendejoj, infanĝardenoj, polikliniko, restadejoj ekster urbo k.t.p. Renkontiĝo kun rusaj sindikatistoj estis interesa por ni kaj, mi kredas, ankaŭ por ili - almenaŭ ne sufiĉis antaŭvidita tempo por ke ni povu priparoli ĉion kio interesis nin kaj ilin. Ankaŭ ni havis kiel gaston en la kongreso, rusan reprezentanton de politika movado «Glasnost», defendanton de homaj rajtoj S.Grigorianc kaj li multe parolis pri nuna politika situacio en Rusio, respondis niajn demandojn. Okazis la renkontiĝo kun gvidantoj de maldekstrulaj movadoj en Rusio. Funkciis libroservo kaj estis organizitaj aŭtoraj duon-



*Gekongresanoj en la aŭtomobilfabriko*

fejo de la sepa etaĝo. Ne estante en la centro de urbo ni havis la eblecon ekvidi iom specifan flankon de Moskvo, ĉar matene apud bazaraj konstruaĵoj de hotelo, la vivo estis ege vigla.

Ankaŭ la kongresejo estis en iusence interesa loko: ni kongresis en la Moskva Ŝtata Industria Universitato. Universitato situas apud grandega aŭtomobila fabriko kaj la tuta distrikto estas vere industria: fabrikoj, entreprenoj, konstruado de duetaĝa ŝoseo - ege proleta loko por laborista asocio kiel SAT. Mi devas konfesi, ke nur dum unuaj tagoj mi emis grumbleti, ke pro la riparo de konstruaĵo ĉie odoris farbo, salono estis malbone aerumita kaj eĉ ekster la kongresejo estas nenia loketo kie oni povus iom refreŝigi sin ĉe glaso de biero. Poste mi konkludis, ke pri tio kulpas vi kaj aliaj, kiuj ne venis al la SAT-kongreso. Ja se estus multaj partoprenantoj - la OKK povus lui iun alian kongresejon, eble pli komfortan. Laŭ mia persona konvinko la OKK-anoj vere klopodis aranĝi kaj organizi ĉion kiel eblas plej bone kaj plej ofte tiuj klopodoj estis vere sukcesaj. Kongresejon senpage donis Universitato kaj eĉ pli: studentoj de tiu universitato lernas devige Esperanton kaj dum tiuj tagoj ili estis helpantoj ĉie: ĉe la akceptado, en libroser-

horoj... Do, vi povas konkludi, ke organizantoj vere preparis programon por SAT-kongreso kaj ili eĉ sukcesis ricevi la financan subtenon de registaro de Moskvo! Tio ankaŭ atestas pri la kapabloj de organizantoj, ĉu ne? Nu, se tiu teamo de Nikolao iam denove organizos SAT kongreson, mi ne dubos ĉu veni.

Ankaŭ mi nepre devas mencii gejunulojn de movado «Teorio pri feliĉo». Ili multe helpis kaj kontribuis al la OKK: ni uzis la buson de tiu movado. Ĉarmaj junulinoj, Julia kaj Tamara, nin fotis dum ĉiuj ekskursoj kaj ni ĉiuj ricevis de ili fotojn kaj gazeton pri ilia politika movado, kiel donacojn. Ke ili scias ian sekreton, kiel teni la feliĉon ĉe la vosto, mi kredas, - ĉar ilia buso ĉien sukcese nin veturigis kaj tio vere ne kongruas kun la reguloj de mekaniko kaj de fiziko. Laŭ la aspekto kaj sonoj aspektis ke buso tuj, tuj paneos. Ne pensu



*En Novadeviĉij monahinejo*

ke mi plendas - tio estas kutima afero kaj ĉe urba trafiko mi vidis multe pli kadukajn busojn. Estas ankaŭ vero, ke en Moskvo estas multegaj belegaj aŭtomobiloj el okcidento, sed nek ŝoforoj de tiuj belegaj, nek stirantoj de tiuj ruiniĝintaj, iam aŭdis, ke ankaŭ piedirantoj havas iujn rajtojn. Mi kredas, ke ĉiu kongresano almenaŭ foje dum tiu semajno riskis sian vivon, naive kredante, ke trafikaj reguloj ĉie estas la samaj. Estas tamen fakto, ke neniu akcidentis kaj neniu havis iajn gravajn problemojn pro sano kaj nur unu fotilo de unu kongresano malaperis en diskoteko: ĉu forgesita, ĉu ŝtelita, sed ne plu revenis... Do, vere kongresi en Moskvo ne estis danĝere kaj mi esperas, ke en «paca» Israelo ankaŭ vi travivis sen aventuroj.

Iom pri posttagmezaj prelegoj kaj pri vesperaj programoj vi scivolas? Mi devas averti, ke «iom» ne sufiĉos por ĉion mencii, des pli rakonti. Jam interkona vespero estis tre simpatia laŭ mi: Valentin Melnikov kaj Mikaelo Povorin konatigis nin, alparolis nin kaj por ĉiu lando kantis speciale konvenan kanton, por mi, ekzemple, en Esperanto la litovan popolan! Eĉ por la membro de Sennacieca asocio tio estas tamen flata afero! Hejma etoso estis kreita kaj ne forlasis nin dum la tuta kongreso. Tamen, mi menciu kiajn prelegojn ni povis ĝui: G. Ŝilo prelegis pri homaj rajtoj, S. Horvat pri aŭstraliaj aborigenoj, M.Westermajer pri movado de verduloj – esperantistoj, F. Toubale pri aikido, D. Cibulevskij pri Sovetia E-movado, M. Bronŝtejn pri juda influo en rusa poezio. Diverseco ne mankis ĉu ne? Libroservo ankaŭ funkciis ĉiutage kaj eĉ okazis la aŭtoraj duonhoroj de V. Samodaj, O. Dadaev, M. Bronŝtejn...

Same vesperaj programoj estis variaj kaj kelkaj unikaj. Ekzemple, koncerto de juna genio A.Korobejnikov, kiu pianludis por ni. Imagu 14-jaran knabon, kiu jam studas juron en universitato, samtempe estas gajninto de internaciaj konkursoj pri pianludado kaj daŭre perfektiĝas en Moskva konservatorio!!! Ĉu vi jam havis eblecon (eble en Berlino?) aŭdi la prelegon de M. Abolskaja pri fama aktoro-esperantisto N. Rytkov? Mi opinias, ke ne nur N. Rytkov estis unika persono, ankaŭ sinjorino M. Abolskaja estas tia kaj ŝi eksorĉas la aŭskultantojn. Bonega helpantino por ŝi estis juna kantistino kiu regalis nin per gitarludo kaj ĉarmaj romancoj. Certe vi memoras nian Ludmila Titova, prezidantinon de OKK dum St.Peterburga kongreso? Ankaŭ ŝi prezentis por ni programon de rusaj romancoj kaj pianisto Piĉkovskij, kiu helpis ŝin, estis mirakle bona. Ĉu mi devas ion diri pri Mikaelo Bronŝtejn kaj liaj kantoj? Certe ne por esperantistoj. Ja tiu nomo estas tre vaste konata. Vidu, jam pro lia koncerto valoris aliĝi al la kongreso kaj ne gravas, ke ankaŭ en Tel-Avivo vi havas tiun eblecon, mi dubas ĉu tion kion li kantis por ni kaj kun ni, Mikaelo prezentos ankaŭ por politike neŭtrala UEA (vidu lian poemon en tiu ĉi numero, paĝo 92).

Ĉu vi jam envias nin? Bone, mi ankoraŭ diru kelkajn vortojn pri la ekskursoj kaj nepre pri temo kiun tuŝas ĉiu kongresano en siaj bildkartoj de kongreso. Kia temo? Kompreneble vetero! Vi ja scias «etoso estas mirakla, manĝo bona, vetero...» Do, vetero estis varia: pluvis preskaŭ ĉiutage (krom ekskursa tago, ĉu la merito de OKK?), sed estis varme, eĉ sufoke: foje ni ŝvitis, foje ni tremetis, sed meza temperaturo kaj vetero estis kontentigaj. Kaj pri ekskursoj mi estu konciza. Ja, mi suspektas ke vi ne plu legas tiel longan raporton: post solena malfermo, ekskurso al Kremlo, tuttaga ekskurso al... Nova Jerusalemo kaj monaĥejo de urbo Zvenigorod. Vidu: UK en Tel Aviv, SAT en Jerusalemo... kaj sanktaj lokoj nek por vi, nek por ni mankis. Mi konfesas, ke la plej interesa parto de ekskursoj estis por mi en la teritorioj de monaĥejoj, troviĝintaj muzeoj - skanzenoj*: ne tre grandaj ili tamen havis interesajn ekspoziciojn kaj precipe plaĉis al mi ekspozicio pri vivo de rusaj virinoj en pasinteco. La dua duontaga ekskurso estis al Novadeviĉij monaĥinejo kaj ni vizitis ne nur interesan arkitekturan ensemblon, sed ankaŭ tombejon apud monaĥinejo kie ripozas multaj famaj personoj. Multaj kongresanoj gvidataj de V. Ĥmelinskij kaj R. Grinciaviĉius ekskursis tra belaj parkoj de Moskvo. Ĉar post kongreso kelkaj el ni restis por pliaj tagoj, ni ankoraŭ havis belan ŝipan ekskurson tra Moskvo, kelkaj vizitis artgalerion Tretjakovka, kaj ni ĉiuj iris rigardi la panoramon Borodino kie estas prezentita la batalo inter franca kaj rusa armeoj apud Moskvo en 1812.

Por la fino mi volas kaj eĉ devas paroli pri la venonta kongreso: vi scias, ke ĝi estos en Hungario, en urbo Nagygkanizsa, kaj por inviti la kongreson tien, al Moskvo alvenis organizanto de la kongreso, T.Szabadi kaj urbestro de Nagygkanizsa , s-ro Tüttö, kiu ankoraŭ ne estas esperantisto, sed dum adiaŭa bankedo promesis lerni Esperanton. Ili alportis bonege faritajn informilojn pri urbo, belajn glumarkojn kaj provizorajn aliĝilojn. Ili respondis ĉiujn demandojn kaj bonvenigis la 74-an kongreson al sia urbo kiu okazos de la 14 - 21 de julio 2001. Eĉ por SAT membroj, kiuj preferas UK-ojn, tio estas tre konvena laŭ loko kaj tempo kiel antaŭkongreso kaj mi kredas, ke ni estos multnombraj en Nagykanizsa kaj ke ankaŭ vi nepre aliĝos al kongreso. Ja, multon pri nia asocio ni devas priparoli, pridiskuti kaj ni nepre devas babili kaj ŝerci ĉe la glaso de bona hungara biero. Tibor Szabadi garantiis, ke ĝi estas bona, urbo tre simpatia, vetero estos agrabla - do aliĝu pro geamikoj kiujn vi havos la okazon renkonti kaj pro SAT, kiu ja estas nia asocio. Do ĝis ne povas sen ni. Ĝis la!

Plej elkore kaj amike Graĵina

*Skanzeno = nePIVa vorto, vilaĝo-muzeo laŭ la samtipa muzeo Skansen en Stokholmo.

**- Nia nova rubriko -**




Redaktoro : Gerardo Rollin; 88 str. Victor Hugo; FR-37 400-AMBOISE <a.reto@france-association.com>

*Post la somera ripozo ni reiras al niaj studtemoj. Ni atendas novajn enkondukajn spertojn, kiel eble plej frapaj.*

*Ni ricevis tiun ateston de emerita kamarado. Certe tio vokos novajn vojojn.*

gr

***

## EDUKADO : PREPARADO AL PLENKONSCIE KOMPRENEMA KAJ TOLEREMA SOCIA KUNVIVADO.

********

Teknikoj, vivrimedoj evoluas; sed ne ŝanĝiĝas la fundamenta kerno de homo. Tial mi kuraĝas trakti pri persona sperto, kiu laŭŝajne restas aktuala konsidere al la nuntempaj sociaj problemoj.

Mi fariĝis instruisto en la jaro 1953, kaj kompreneble tuj uzis la unu-nuran klasikan trude encerbigitan instrumetodon devige lernitan en formadlernejo. Sed rapide leviĝis en mi malpreciza sento de malkomforteco, kaj sekve de ŝanĝo-sopirado... Feliĉe mi baldaŭ havis okazon ekkonatiĝi kun Freinet-pedagogio. Tuj mi pensis : jen vojo sekvota ! De tiam mi seninterrompe praktikis ĝin kun entuziasmo. Mi tute ne intencas prezenti ĝin, sed nur unu aspekton, cetere plej grave fundamentan, nome la kooperan vivon.

En mia klaso kun infanoj de 9-jaraj ĝis 14-jaraj la tutan vivon regis la kooperativa kunsido, ĝenerala memkompreneble, okazanta ĉiusemajne dum la tuta sabatposttagmezo. Ĝin gvidis knab(in)o elektita de ĉiuj (inkluzive min, sed kun ununura voĉo). La ĉefa punkto de la tagordo konsistis en debato pri tiel nomata «mura ĵurnalo» afiŝita dum tuta semajno, sur kiu ĉiuj egalrajte kaj tute libere povis skribi. Ĝi enhavis tri rubrikojn: mi gratulas - mi kritikas -mi proponas. Dum la kunsido, antaŭ ĉiuj la skribinto klarigis sian rimarkon. Evidente pri la kritikoj, la interŝanĝoj iĝis plej akraj, sed neniam mi devis interveni pro vere malamika agresemo. Foje, sed ne malofte, mi rolis kiel peranto por atingi al kompromiso, cetere facile akceptita. La infanoj mem preskaŭ ĉiam trovis kontentigan solvon al la levitaj problemoj.

Iun sabaton la filo de la urbestro (riĉa advokato evidente dekstrula) intervenis iom agreseme. La kunsidgvidantino tuj rebatis: «Nu, Marko, kvankam ci estas filo de la urbestro, ci ne havas superrajton!» Nenion mi diris, sed interne multe ĝojis: Mi atingis mian celon, mia klasorganizo estas vera demokratio! Formo de demokratio, kiu certe ne tre plaĉis al la urbestro! Sed tio estas alia afero.

Vera demokratio, certe ĉar mi mem plurfoje estis kritikata, kaj tial devis pravigi mian sintenon. Tamen, neniam mi eksentis perdon de «autoritateco». La infanoj konsideris min, ne kiel mastron aŭ generalon, sed kiel grandan kamaradon, al kiu ili ĉiumomente povas sin turni por peti helpon, al kiu iu ajn rajtas paroli plenfide. Aŭtoritateco racie konsentita, tute ne altrudita. Grava diferenco!

Demokratio ĉar, en kadro de kooperativa kunlaborado, ĉiu infano tute libervole laŭ sia emo elektis taskon koncernantan la komunan vivon, pri kiu li konscie respondecis: matena viŝado de la skribotabloj kaj preparo de la klasĉambroj; prizorgo de la pres- studpentraĵ- materialoj; prizorgo de la lerneja ĵurnalo; korektado de la presitaj folioj; respondeco pri la interlerneja korespondado; ktp. Eĉ pri disciplino en la ludkorto dum la paŭzoj: okaze de konflikto, neevitebla, tuj la koncernatoj aŭ la kunludantoj vokis la respondeculon, kiu post aŭskultado ĉiam sukcesis repacigi la rilatojn. Preskaŭ neniam mi devis rekte interveni.




Konkurenco rapide malaperis en rilatoj inter la gelernantoj. Ne plu ekzistis puno; sufiĉis la reciprokaj admonoj aŭ riproĉoj de la kamaradoj en plenfida etoso dum la kooperativa kunsido. Reciproke ne plu ekzistis rekompenco; multe pli bonefikis laŭdoj de gekamaradoj pro iniciato aŭ ago favore al la kolektivo. Malaperis ankaŭ klasado: neniu plu staris en unua aŭ lasta vico. Anstataŭ sin kompari konkurence al aliuloj, ĉiu lernanto sin komparis al si mem per grafikaĵo, kies linio konkretigis progreson aŭ malprogreson. Kaj tute normale la plej fortaj volonte helpis la malpli fortajn.

Neniam mi tiam faris majstran lecionon pri moralo, nek pri civitana sinteno, kun maksimo bele skribota sur kajero. Ne! Ĉar mi estas konvinkita, ke moralo-konscion oni ne akiras per lernado, sed per konstanta praktikado en vivorealo. Tiel agante mi celis prepari la infanojn al plene respondeca socia kunvivado, por ke ili fariĝu homoj konsciaj pri siaj rajtoj kaj ankaŭ pri siaj devoj, respektantaj samrajtajn aliulojn; kaj pretaj konteste kontraŭi al maljustaĵoj.

Freinet-pedagogio celas formi konsciajn civitanojn, ne blindajn robotojn. Ĉu mirige, ke kontraŭ ĝi la laŭdire «elituloj» starigas silento-muron, same kiel kontraŭ Esperanto?.

RO LO

*****

*Jen karaj gekamaradoj, tiun sinceran ateston. Eble tio vokus novajn ideojn laŭ la sama vojo: familia edukado, konstanta lernado en la laborejo, en la asocioj. Ĉu la lernejo havu la saman rolon kiel antaŭe? Ĉu aliaj instruistoj en aliaj mondpartoj reagas same?*

*Certe pluraj inter ni spertis malsukcesan sperton en familio aŭ en instruado kaj bezonus rakonti personan evoluon.*

*Vi ne timu! Se iu primokos vin, mi frapos lin!*

*Gerardo*

# El esperanto-gazetaro....

*En la numero 89/junio 2000 de "LA GAZETO" oni povas legi la artikolon "Tri diroj", verkitan de Carlos I. DE JESUS, kiu priskribas sub formo de afabla karikaturo: "la Diro de la SAT-ano", "la Diro de la UEA-ano" kaj "la Diro de la Idealisto". Ĉu karikaturo aŭ simpla priskribo? Niaj legantoj juĝu (kaj eventuale) reagu je la ĉi suba reprodukto de la unua:*

## LA DIRO DE LA SAT-ANO

"Mi estas proleto. Miajn vivrimedojn mi akiras nur per mia laboro. Tio signifas, ke mi kaj ĉiuj miaj prolet-kamaradoj en la tuta mondo estas ekspluatataj de la burĝaro.

Klasoj ekzistas sur la tero, kaj mi apartenas al la plej malsupera, sed plej honorinda klaso. Burĝoj forrabas la leonparton de la produktofortoj, kaj ni ricevas nur la nerifuzeblan eron por teni nin laboradantaj.

Tiaj kondiĉoj estas maljustaj. Mi estas klaskonscia, mi strebas al la ĉioma renverso de la politikaj fortoj, kiuj katenas min en tiu situacio.

Ĉar mi aspiras tutece renversigi la nunajn ekonomiajn cirkonstancojn je la profito de la proletaro, mi estas revoluciulo.

Ekzisto de nacioj estas fera fakto. Kunlaborado inter ili estas neebla utopio, per kiu la burĝoj lulas nin al dormo kaj stagno. Milito inter nacioj, defendo de la patrio estas putraj konceptoj, kiuj haladzas jam de miljaroj.

La sola prava lukto estas klasbatalo de la tutmonda proletaro kontraŭ la tutmonda burĝaro. Ni povos submeti, ni submetos ĝin.

Tial, la proletoj ĉiunaciaj devas unuiĝi. Dum jarcentoj tiu unuiĝo estis neebla. La malsameco de la lingvoj estis nesuperebla baro. Nun ni disponas mirindan interkomprenilon : Esperanton. Kiu mondlingvo fariĝos la komuna idiomo de la laboristaro ne gravas. Esperanto, ido, novialo, okcidentalo...?

Mi elektis Esperanton, ĉar ĝi estas la plej trafa, la sola tutmonde uzata. Mi estas, do, ankaŭ esperantisto. Kiel proleto, revoluciulo kaj esperantisto, mi aliĝas al Sennacieca Asocio Tutmonda, ĉar ĝi estas la nura esperant-organizo, kies tasko kaj celo samas kun miaj aspiroj. Mi estas unue revoluciano, poste mondlingvano. Male al tio, kio okazas ĉe la neŭtrala esperanto-movado, Esperanto ne estas por mi celo, sed nur rimedo.

Malakcepte mi forrifuzas la ridindan kvazaŭsenton pri la interna ideo de esperantismo, kiu estis fireligieca karakterizo de la esperanto-pioniroj. Ĝi ja estas manifestiĝo de la burĝaj mensoj kaj de la morale kadukiĝinta socio, kiun mi kontraŭbatalas.

Mi ne amas la "samideanojn" de la neŭtrala movado, kaj kontraŭ ili mi apudmetas miajn samcelanojn ĉe SAT, la laboristojn, la ekspluatatojn. De tiuj dandaj "samideanoj" mi lernis Esperanton, la armilon, kiun mi uzas por kontraŭbatali ilian kapitalisman sistemon sennaciece, kiel mi lernas de la burĝoj ilian scion, kondiĉe ke mi povu utiligi tiun scion por forvenki ilin.

Mi abomenas la biblion kaj ĉiujn sanktajn librojn. La biblion mi ellegis nur por tralerni kaj trapraktiki Esperanton. Ĝiajn stultaĵojn mi forĵetas; ĉar ili estas fibubaj trivialaĵoj, kiuj ne helpas min akiri pli grandan parton de la produktofortoj. Mi malestimas la pastraron, la episkopojn, la imamojn, la bonzojn, la popojn, la guruojn, k.s., ĉar ili venenas la menson de la popolo, kaj estas la apogfostoj, kiuj subtenas la sangavidan burĝaron.

Mi ankaŭ malŝatas la generalojn kaj la armeojn, kiuj perfortas kaj subpremas la naturajn aspirojn al emancipiĝo de la laboristaro.

Proleto kaj sennaciulo mi estas. Mi do klopodas kutimiĝi al eksternacia sent-, pens- kaj agadkapablo, kaj ĉi-koncerne Esperanto multe helpas. Per Esperanto mi intencas unuigi la tutmondan proletaron, kiu parolas multajn malsamajn lingvojn.

Nur tia mi estas esperantisto. For la ceterajn fantaziajn revojn."

Ĉu estos reagoj?

La redakcio.

# NI RICEVIS...

LIBROJ:

- "Modernaj rimedoj de komunikado" - Eldonis: KAVA-PECH sub aŭspicioj de U.E.A. kaj I.S.A.E. Kolekto de kontribuaĵoj prezentitaj dum la kolokvo"Aplikoj de Esperanto en Scienco kaj Tekniko" okaze de la Praga U.K. (1996) 197 paĝoj. Prezo ne indikita.
- "HEL" - ĉarma islanda novelo verkita de Sigurdur Nordal. Eldono Gabrielli 1995. Ĝi estas 20-a volumo sub la marko "Plejado". 74 paĝoj. Prezo ne indikita.
- "Por aktiva lingvopolitiko" Aktoj de la lingvopolitika seminario en la 81-a Universala Kongreso de Esperanto, Prago 1996. Tekstoj de Detlev Blanke, Humphrey Tonkin, Yamasaki Seiko, Amri Wandel, Werner Bormann, Renato Corsetti. Eldonis UEA. 72 paĝoj.

BROŜUROJ :

- "La Gnomo" - hispana novelo de Gustavo A. Bécquer. Tradukita de Wilhelm Th. Oeste. Eldonis Lina Gabrielli lige kun Picena Esperanto-Centro. 17 paĝoj. Prezo ne indikita.
- "La laboro de Universala Esperanto-Asocio por pli paca mondo" de Ulrich Lins. Kiamaniere lukti kontraŭ la "interŝtata anarkio". Eldonis UEA en la serio Esperanto-dokumentoj. 12 paĝoj. Prezo : 2,15 €..

## El la SAT-sidejo

*67 avenue Gambetta,*
*FR-75020 Paris*
*Tel: +33.1.47.97.87.05, Fax: +33.1.47.97.71.90*

## FONDUSO POR NOVA P.I.V.

Kiel vi jam estas informitaj, la laboro pri Nova PIV bone evoluas kaj ni esperas ke en la jaro 2000 ni povos eldoni ĝin.-Ĝi devus esti tute renovigita, ĝisdatigita kaj vere ilustrita, t.s. ke la ilustroj estos enkorpigitaj en la teksto mem.-
La eldonkosto de tiu nova ĉefverko de nia lingvo estos tre alta kaj pro tio ni decidis malfermi Fonduson por la eldono de tiu nova PIV.-Ĉiu esperantisto kiu deziras helpi en tiu entrepreno povas sendi monon al tiu fonduso.-La nomoj de kontribuantoj kaj sumoj regule aperos en Sennaciulo.-Se iu ne deziras ke lia/ŝia nomo aperu en tiu listo, ĝi aperos anonime.-La monon bonvolu sendi al la poŝtkonto de SAT :
n° 1234-22 K, Paris (en Francio)
n°-30041-00001-0123422K-020-39 (el eksterlando)
kun indiko "Por la Fonduso de Nova PIV".
Ni anticipe dankas al ĉiuj kontribuantoj.-

La P.K.-de SAT

## NOVALIĜOJ

35.449 HORVATH Sandor, 31 Addison Road, Black Forest, South Australia 5035, Aŭstralio
35.450 HEWIT P. , 26 Hoghfield Road, GRIMSBY, DN36 5RT, Britio
35.451 *SZRAJBMAN A., 37 Graham Road, Mitcham, Surrey, CR4 2HB, Britio
35.452 BOUCHEZ Boris, 2bis, rue de Chaumont, FR-62740 Fouquieres-lez-Lens, Francio
35.453 SJUTKIN Petro, ul. Moskovskaja 313, apt. 71, RU-248012 u. Kaluga, Rusio
35.454 DAVIDOV Jurij, d.28 A, RU-140008 Maŝkovo, Moskva regiono, Ljubereckij distrikto, Rusio
35.455* PRIVEDJONNAJA Julija, d.28 A, RU-140008 Maŝkovo, Moskva regiono,Ljubereckij distrikto, Rusio
35.456* KOSTJUK Tamara, ul. «Gjerojev Truda» d.15 ĉ. 6, UA-61144 Ĥarkiv, Ukrainio
35.457* DERGUZOVA Irina, K-50, a/k 150, RU-103050 Moskva, Rusio
35.458 NONOMURA Jo, Hatatuka-dori 6-1-11, Tyuo-ku, JP-651-0068 Kobe, Japanio.

## FILATELA SERVO

Ni ĵus ricevis poŝtĉekon de 296,00 FRF. Al nia k-do Modesto Ramelli sendis la poŝtmarkojn jenaj gekamaradoj:
Beau, N.S.K., Toubale, SAT, Baniulaitis, Masseron, Rapley, Bogdziun, Calas, Lebec, Grizkoa, Bertin, Schneider, Tinonin, Giloteaux. Ni dankas al ĉiuj kaj invitas la aliajn daŭrigi sendadon de poŝtmarkoj al k-do Ramelli. Eĉ la plej etaj helpoj estas bonvenaj.

## ANTAŬPAGO POR NOVA P.I.V.

Dum la kongreso en Moskvo, SAT decidis ebligi antaŭpagon de la nova PIV al individuoj kaj al libroservoj je pli favora prezo. Oni povas antaŭpagi jene:
- individuoj - 60 €
- libroservoj - 50 €

La normala vendoprezo estos 70 €.
Jam antaŭpagis ĝin:
1. Dan Levitan, Lövholmsv. 65, SE-11765 Stockholm, Svedio.
2. Martin Stuppnig, Esperantostr. 7/1, AT-9601 Arnoldstein, Aŭstrio.

## HELPO ASOCIO

**En Svedio (SEK)** Pelle Persson memore al k-do Egon Göransson 500,00 kaj memore al k-dino Märta Andreasson 500,00;
**En Germanio (DEM)** Knoetzsch 55,00; Schmid 5,00; Grupp 5,00; Ipfelkoffer 7,50; Nagel 5,00; Stephan 25,00;
**En Francio (FRF)** Roger Hardy 430,00; Cuenot 190,00; Martin 60,00;

## NEKROLOGO

Ni eksciis tra la poŝto ke mortis en Maisonnais (FR), nia malnova membro, k-do

**Pierre DELAGE (matr. 20643)**

Ni kondolencas al familianoj.

***

En Itano-tyo (JP) subite mortis la 18.03.2000, 57-jara nia kamarado

**ISIKAWA Takesi (matr. 34.357)**

Laŭ la familio li sane laboris la antaŭan tagon. Ni kondolencas al familianoj.

***

Ni ĵus eksciis tra la poŝto ke en Saintes (FR) forpasis nia malnova membro,

k-do **Pierre REGEON (matr. 30.988)**

Ni kondolencas al familianoj.

## GRANDAN DANKON !

Ni volas elkore danki al nia japana kamarado, TANAKA MASAMI, n° 27390, dumviva membro de SAT, kiu donacis al nia asocio la sumon de unu miliono da enoj, esperante ke ĝi helpos al la SAT-agado kaj ĝia daŭra ekzisto. Esperanto movado nepre bezonas progreseman neneŭtralan asocion kia estas SAT. Tio estu ekzemplo al ĉiuj niaj membroj kiuj same pensas kiel li.

# MIA PREZIDENTO



*Mia prezidento,*
*dum mi vin elektis,*
*vi, trans mia dorso,*
*ruze reton plektis.*
*Vi ridetis dolĉe,*
*promesante bonon,*
*dum kunuloj viaj*
*ŝtelis mian monon.*

*Mia prezidento,*
*dum mi vin subtenis,*
*mian pacan hejmon*
*la milito venis.*
*Vi al la ĉeĉeno*
*donacis armilon,*
*sed por ĝin forpreni*
*sendis mian filon!*

*Ĉu por vin defendi,*
*la gvidoron nian,*
*mia filo vundis*
*knabon ĉeĉenian?*
*Kaj per tio ekis*
*la diabla ĉeno:*
*mian filon murdis*
*kuglo de ĉeĉeno.*
*Mia prezidento,*
*ja mi vin admiris,*
*kiam belajn vortojn*
*vi pri l'justo diris.*

*Ial ne aperis*
*justo atendita -*
*staras la popolo*
*kun man' etendita.*

*Nur kelkaj krimuloj*
*ŝikas kaj bonfartas,*
*ĉar ilian monon*
*svisaj bankoj vartas.*
*Do, filino mia*
*pro l' mizer' rutina*
*estas nun revanta*
*pri l' karier' putina.*

*Mia prezidento,*
*ŝildo mia blinda, -*
*eble vi en vero*
*estas kompatinda,*
*eble pri l'misvojo*
*ne vi sola kulpas,*
*eble ĉe vi falsaj*
*konsilantoj multas, -*

*sed de vi dependas*
*mia viv' kaj pano.*
*Ĉu mi vin rajtigu*
*resti suĉinfano,*
*preferanta sidi*
*en la glor' vizia?*
*Mia prezidento,*
*vi ne estas mia !*

*Aŭg. 1999 -*
*Mikaelo Bronŝtejn*

## SAT Vivas!
## Skribu al la Ĝenerala Konsilantaro.

La SAT-membroj, kiuj iom sekvas la vivon de la asocio, scias ke ĉijare restariĝis nova Ĝenerala Konsilantaro. Ĝia - nia tasko estas klare priskribita en la statuto de SAT, sed ĉu tio signifas ke ni ne povas fari pli. Venis al ni la ideo ke eble niaj k-doj emas skribi pri aferoj kiuj al ili ne plaĉas aŭ kiujn ili volas havi alimaniere. La strukturo de SAT estas horizontala kio signifas, ke ĉiuj devas fari siajn devojn por ke SAT vivu. Nur kritiki, ne helpas, sed konstrueme labori estas la devo de ĉiuj inter ni. Dum via agado eble stariĝas demandoj, al kiuj vi volas havi respondon, aŭ vi havas problemon pri agado de alia SAT-ano kaj vi pri tio havas dubojn aŭ demandojn. Nun, ekde nun vi povas veni kun tiuj kaj ĉiuj aliaj demandoj al la Ĝenerala Konsilantaro de SAT kiu provos helpi vin.

Ĉu la Ĝenerala Konsilantaro solvos ĉiujn problemojn kaj ĉu ni havas respondon al ĉiu demando? Certe ne, **sed** la Ĝ.K. povas diskuti pri via problemo kaj meti vian demandon je diskuto de la membraro. La ideo estas, ke ni malfermu diskutpaĝon en Sennaciulo pri demandoj, kiujn la membroj faris al la Ĝ.K., kaj la eventualaj respondoj. Nia celo certe ne estas estri vian penson, sed simple malkovri la problemojn kiuj eble bremsas la disvastigadon de SAT.

Sennacieca Asocio Tutmonda devas denove kreski, pligrandiĝi. Monon por fari monstran propagandon, ni ne havas kaj forkonsumi monon al propagando estas stultaĵo kiam ni disponas pri centoj da konvinkitaj membroj. Via entuziasmo alvokos aliajn aliĝi al SAT. Por ke vi restu entuziasmaj, la Ĝenerala Konsilantaro volas aŭskulti viajn proponojn kaj problemojn.

SAT malfermas forumon, en kiu ĉiu membro kiu havas aliron per la interreto, povas diskuti aŭ simple babili. La Ĝenerala Konsilantaro klopodas kiel eble plej multe sekvi tiujn interparolojn kaj proponi la plej grandajn problemojn por diskuto en nia paĝo "Skribu al la Ĝenerala Konsilantaro». Leterojn vi povas sendi rekte al la sekretario, la adreso:

Ĝenerala Konsilantaro de SAT
p/a Jakvo Schram
Hof ter Bekestraat 49, BE-2018 Antwerpen
rete: jakvo@esperanto.nu

Atendante viajn leterojn salutas amike

Jakvo

# Vi sciu ke....



Kroata ministrino pri turismo, Pave Župan-Rusković, lernis Esperanton ĉe nia kamarado Danko Matkoviĉ. Ŝia unua esperanto kongreso estis la SAT-kongreso en Vieno.

***

Ĵus estas renovigitaj la TTT-paĝoj de SAT, fare de nia kamarado, Sebastian Hartwig. Li nun transprenis la prizorgadon de niaj paĝoj. Ili estas legeblaj per iu ajn TTT-legilo. Kiel vi povas konstati, nun niaj paĝoj estas faritaj per unikodo, kio signifas ke la esperantaj literoj aperas normale sur la ekrano. Ne plu do ekzistas kialo por ŝanĝi nian fundamentan skribon. Ja, la ĉefa preteksto por reformemuloj kiuj deziras forigi capelitajn literojn el esperanta alfabeto, estis la problemo, ke ili ne aperas en la reto. Evidente, nur la novaj TTT-legiloj kaj komputorsistemoj povas legi unikodon (vidu supran bildon). Per la malnovaj, la ĉapeloj aperas apud la litero.



## VIAJ REAGOJ ...

### Reago al nia membro

Okulfrapis la teksto de Vojta Trojan kiu skribis al 8 SAT-anoj, petante - proponante al ili diskutojn pri efikaj metodoj al senklaseco - kaj pri senekspluateca socio.

Ke la alskribitaj k-doj ne volis aŭ eble ne povis reagi estas bedaŭrinde, sed por seniluziiĝi pro tio, mi ne komprenas.

Debato pri klasbatalo estas malfacila temo, precipe post la falo de la Berlina Muro kaj la mensogoj pri sociala ŝtato malantaŭ tiu muro. Mi tamen faras provon.

Kiam antaŭ kelkaj jaroj malaperis ĉi tie en Belgio la fabriko de Renault por restarti aktivecon malantaŭ la fragmentoj de la sama iama honto de la orienta "komu-



nismo", laboristoj ĉi tie, petis ankaŭ solidarecon de la Orientaj laboristoj, sed ne ricevis. Transliman solidarecon ni ne konas aŭ apenaŭ. Monda, kosmopolita, sennacieca aŭ universala penso, estas kutime, al la plej multaj, bona rakonto kiam oni ne petas aplikadon.

Ĉu vi jam havas polan purigistinon?, petas unu laboristo al alia ĉi tie en Antverpeno, ĉar estas konata fakto ke polaj virinoj purigas vian domon por malpli ol la duono de la prezo, kompare al la purigistinoj el la urbo mem. Kiam mi aŭdas tion mi pensas al la teksto el "Liberecaj Pensoj" (eld. SAT-Broŝurservo - Laŭte) "La piramido de l'tiranismo" de F. Domela- Niewenhuis, kiu priskribis jam la subpremadon de unu la alian antaŭ preskaŭ 100jaroj. Mi esperas ke Kribo ne rifuzos ke mi citu parteton el la libro: —"La konata germana verkisto Michael Flurscheim diras en sia libro "Individualismo kaj Socialismo", ke la maldika krusto ĉirkaŭ la lafo ardanta de l'socia mondo atingas ne pli ol 2% de la diametro. Per aliaj vortoj; El ĉiu cento da homoj nur du apartenas al la klaso de posedanta aŭ kapitalista, dum 98% oni povas klasifiki inter klaso laboranta.—-

Do laŭ tiu s-ro Flurscheim, 2% de la monda loĝantaro povas sen problemoj subpremi la ceteran 98%. Eble dum la jaroj la proporcioj iom ŝanĝiĝis al diru 4 - 96%. Evidentas ke tiu 4% nur povas teni aliajn per fera mano kiam ili ricevas helpon el la 96% subpremataj!

Kiam mi antaŭ 40 jaroj komencis labori ni estis pli ol 20.000 diamant-ŝlifistoj en Flandrio. Mi vidis malaperi pli ol 18500 laborlokojn en mia metio. Ili translokiĝis al Ruslando aŭ Ĉinio kaj kompreneble al aliaj landoj kie la salajro estas mizera. Kian klasbatalon mi devis fari? Ke mia kolego apud mi ne perdu laboron aŭ ke la senhavulo en la tiel nomataj socialistaj landoj havu laboron? Mi lernis Esperanton kun la espero ricevi respondojn al tiuj problemoj. Iam k-do el SAT diris al mi: la emerituloj facile povas fanfaroni pri siaj klasbataloj, intertempe ni devas trovi manieron por savi nian laborlokon!" Pripensinda frazo, ĉu ne? Dum jaroj mi ne plu kredas al klasbatalo, (aŭ ĉu mi diru en la klasbatalo de la laŭ ŝtato strukturitaj sindikatoj, ĉar al kio helpas batalo kiun vi neniam povas gajni. Eĉ pli ol Don Kiĥote estas la batalo kontraŭ klasoj, eble mi lernis tion kiel membro de SAT, el la tekstoj de Sennaciulo, eble, mi vere ne scias. Mi trovas mian forton el tekstoj de liberecanoj/ anarĥiistoj. Ne, ne nepre la famuloj. Ankaŭ la kompano, kiu sendas al mi tekston por Liberecana Ligilo. Se klasbatalo ekzistas ĝi



estas kiel gerilo, rapida interveno de malgranda grupo kontraŭ la tro granda malamiko, kaj post la batalo lekado de vundoj faritaj de la batoj kiujn oni ricevis de tiuj aliaj infanoj de la laboristoj, la ĝendarmoj.

Ni devas defendi niajn homajn rajtojn, sed kiel mi legis ĉi semajne en libro kiun mi afable ricevis de kompano Ledon, ni certe devas plenumi niajn homajn devojn. Do esperi ke alia estingos vian fajron, vi povas, sed sciu, ke inter la laboristoj en la tuta mondo, ĉiuj devas estingi sian propran fajron. Ili respondecas pri sia propra sorto? Kio helpas mian solidarecon kiam samtempe amase miaj kolegoj perdas laboron. La bezono ne estas tiu fama klasbatalo sed la malakcepto, de ni ĉiuj, de la subpremado far la potenco, la demagogoj kaj estroj.

Skribis k-do Trojan; "En realo, malgraŭ ĉiuj homaj promesoj, ĉio evoluas aliel. Simile , la plimulto de SAT-anoj konscias ankaŭ pri la vaneco de la ideoj de SAT— " Diable mi tuj reprenis la statuton de SAT kaj mi demandas min kie li trovas la vanecajn frazojn. Kleriga, eduka; kultura organizo— Komparo de faktoj kaj ideoj, per libera diskutado, ĝi celas malebligi ĉe membroj la dogmiĝon de la instruoj, kiujn ili ricevas en siaj apartaj medioj— ĉu tio estas la vanecaj frazoj?

Se via klasbatalo malsukcesis, kiun mi ege bedaŭras, ne kulpigu la membrojn de SAT , sed la socion en kiu ni vivas. La kapitalista socio kiu vivas dank' al supremo kaj ekspluatado. La sama kapitalista sistemo kiun la iamaj rusaj satelitoj tiel adorad(is). Vi povas diri al mia subpremanto ke li ne rajtas fari tion, inverse mi povas diri tion al la via, sed antaŭ ĉio ni devas mem preni nian respondecon

*Amike Jakvo*



### Finfine: SAT iĝis fako de UEA!

Jam en la rezultoj de la opinienketo pri SAT oni povis legi kiel respondon al la unua demando, ke «Oni diras ke SAT baldaŭ fariĝos fakasocio de UEA.» Leginte tiam tiun eldiron, mi ne kuraĝis esperi, ke SAT vere tiel baldaŭ perdis sian memstarecon kaj sendependecon, ke la dua plej granda monda (kaj la sole vere tutmonda) asocio,

kiu uzas Esperanton, iĝas parto de la granda UEA.

Kelka leganto, kiu eble ne tute akurate sekvis la evoluon ene de la esperanta mondo, eble mirigite demandas, pri kio mi fantazias? Ĉu SAT vere aliĝis al UEA? Nekredeble!

Sed mi diras al vi: Jes! Vere tiel okazis! — Almenaŭ, se oni volas kredi la informojn, kiujn disvastigas UEA. Tie, en sia antaŭnelonge modernigita TTT-ejo (http://www.uea.org) UEA listigas siajn fakasociojn, inter kiuj



— rekte inter IKEL kaj EUROKKA — sin trovas ankaŭ la konata al ni nomo «SAT». Klakinte al tiu «SAT»-vorto, oni vidas — ĉiam ankoraŭ en la UEA-TTT-ejo — belan tekston de Kreŝimir Barkoviĉ pri la historio kaj celoj de SAT. Kaj ĉi-ĉio sub la bela titolo de «Universala Esperanto-Asocio» kaj «Fakoj».

Vidante tion, mi unue kredis pri eraro, kaj demandis dufoje al la centro en Parizo, sed evidente oni ne intencas kontraŭi la sciigojn fare de UEA, ĉar oni ne respondis al mi pri tio.

Nu, ni pensu pozitive: Nun finfine ankaŭ SAT alvenis en la grandan kaj preneman sinon de UEA; nun finfine ankaŭ mi estas (kvankam senintence) — longe erarvaginta filo — veninta hejmen al la rondo familia, kun ĝia panjo UEA.

m-ulo 35.358



NDLR:
Post la ricevo de tiu ĉi informo ni konstatis ke efektive nia Asocio troviĝas en la rubriko Fakoj sur la TTT-paĝo de UEA. En la papera Gvidlibro eldonita de UEA, SAT ankaŭ troviĝas kun fakasocioj sub la rubriko Laborista E-Movado. Sed en la enkonduka teksto estas dirite: *«Por diversaj mondkonceptoj, profesioj, ŝatokupoj, ktp, ekzistas fakaj E-asocioj. Naŭ el ili aliĝis al UEA, dum 38 havas kontrakton pri kunlaboro kun UEA. Du asocioj funkcias kiel fakaj sekcioj de TEJO.* ***Aliaj ne havas formalan ligon kun UEA.»*** Inter tiuj estas ankaŭ SAT. Post nia reago ĉe UEA, jam estas korektita teksto en la TTT-paĝo de UEA. Ĝi nun tekstas:
«La Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT) estas sendependa, neneŭtrala tutmonda E-Asocio, neligita al UEA». Do, laŭ tio nun al ĉiu estas klare ke SAT estas daŭre sendependa laborista esperanto-Asocio.

**VARBU NOVAJN MEMBROJN AL SAT !**

## Pliaj reagoj

### Antaŭnoto:

Jam dum kelkaj monatoj mi estas la sekretario de la Ĝenerala Konsilantaro de SAT. Tiu posteno ne malpermesas al mi esprimiĝi kiel simpla membro de SAT, do ĉiu komprenu ke mi anstataŭ silenti dum plenumado de tiu ĉi tasko mi daŭre sendos miajn opiniojn, kiel mi jam faris ekde la unua jaro de mia SAT-aneco. Jakvo restas la individua membro de SAT, Jakvo Schram, sekretario de la Ĝ.K. estas reprezentanto de la Ĝenerala Konsilantaro. Mi esperas ke neniam okazos miskompreno pri tio. J.S.

***

## Reago al L.F.Bociort kaj al Renato Corsetti.

La S-ulo de julio enhavis kelkajn leterojn kiuj vekis mian intereson. Nekredebla estis la letero de I.F.Bociort kiu petas nomŝanĝon por SAT. Mi neniam vidis la favorajn flankojn de ŝanĝo de nomo, de asocio kiu volas labori sen limoj, trans la nacioj, universale, kosmopolite. La celoj de SAT estas klare priskribitaj en la statuto, kaj jes, mi povas kompreni ke kiam oni volas agadi en naciema grupo, la nomo de SAT bezonas iom da eksplikо. Tamen, mi sufiĉe aktivas kaj neniam spertis malfacilojn kiam mi, en strukturo de kontraŭrasismo, sindikatismo, homaj rajtoj, agadis aŭ parolis pri SAT. Oni parolas en Antverpeno pri mi (ekster esperantio) pri la "esperantisto por la laboristoj" (la loka dialekto sonas iom pli amuze). Do oni scias pri kio mi okupiĝas, pri esperanto kaj pri laboristaj aferoj. En rondo de neleĝuloj, la agado por doni helpon al migrantoj sen paperoj, oni aplaŭdas ke en Sennacieca Asocio Tutmonda ekzistas Sennaciista frakcio; sed ja tiam mi partoprenas forumon kiu ne komprenas kial homoj devas subteni limigojn kaj limojn de potenco-strukturoj.



Koka Kolo (coca cola) estas nomo de trinkaĵo. En ĝi troviĝas la nomo de drogo, kokaino. La tuta mondo trinkas ĝin sen pripensi la nomon, sen scii kion ili trinkas. La nomo estas granda sukceso, la enhavo de la botelo eble pridubinda? Ĉu eble nur sukerita akvo, kun la aludo, ke en ĝi troviĝas kokaino? Tamen neniu trinkaĵo tiel bone vendiĝas kiel Koka. Ŝanĝi la nomon de SAT ne havas sencon, ĉar ĉiam estos iu kiu plendos pri la nomo. En la enhavo de SAT, jes pri tio ne ekzistas dubo, ne enestas kokaino aŭ alia drogo. Por mi SAT ne havas nacion, ankaŭ ne defendas iu nacion. Ĝi estas tutmonda kaj mi sen problemoj akceptas tion.

### Al Renato:

Kara amiko, diru al mi pri la debatoj kiuj okazis la lastajn 2 jarojn inter komunistoj kaj anarĥiistoj. Kiel redaktanto de Liberecana Ligilo mi ne memoras ke ni debatis. Ekzistas la malsamopinio pri strukturformo kaj tio

ĉiam restos plej verŝajne. La Komunistoj volas de la ŝtato gvidatan mondkomunismon. La Liberecanoj - liberajn federaciojn sen ŝtata interveno. Sed iun ajn formon de malamikeco aŭ akran debaton inter ambaŭ grupoj mi ne spertis la lastajn jarojn.

«Tutmondiĝo kun homa vizaĝo» - kion vi volas diri, ke ni SAT-anoj devas partopreni en strukturoj de humanismo, kontraŭrasismo, respekto por homo kaj naturo? Nu mi estas konvinkita ke multaj SAT-anoj faras tion. Rigardu la gvidrezoluciojn de SAT. Prenu nur tiujn de la lastaj 10 jaroj kaj konstatu ke SAT havas klaran opinion. SAT jam delonge engaĝiĝas en «Tutmondiĝo kun homa vizaĝo». La nura problemo kiun mi kiel SAT-ano spertis dum miaj agadoj estis la kontraŭstareco de la neŭtraluloj. Mi jam plurfoje skribis al vi pri tio. SAT-ano en Flandrio signifas, ke vi apartenas al la malbona asocio.



Mi jam plurfoje faris proponojn al la neŭtraluloj pri aferoj kiujn ni eble kune povus realigi, sed vane. Eĉ teksteton por propagandi la aperon de nova PIV, la neŭtraluloj en Flandrio fuŝis, pro kontraŭeco al SAT??? Ĉu tio eblas kun vicprezidanto kaj prezidanto en la gvida organizo de la neŭtraluloj, kiuj estas SAT-anoj. Plej verŝajne la interrilato inter SAT-Parizo kaj UEA-Rotterdamo estas bonega, mi nur povas aplaŭdi pro tio. Sed je loka nivelo, nun mi esperas ke neniu SAT-ano spertas la saman malintereson por la SAT batalo ol mi en Flandrio. Ĉi tie SAT daŭre estas parto de la Stalinisma potenco. Kion UEA, Renato kaj Kep jam faris por ŝanĝi tion? Mi sekvis 3-jaran kurson en la urba lernejo por lerni Esperanton. La kurson donis neŭtraluloj. Ĉu vi pensas ke, kiam ili parolis pri strukturoj, ke ili menciis SAT? Nu ja, flanke kvazaŭ ni estas grupo de poŝtmarkoj kolektantoj.



Iam mi estis prezidanto de la antverpena E-klubo (neŭtrala). Kiam mi surpendigis afiŝon kontraŭ rasismo, unu el viaj adeptoj (unu el la ege gravaj) de neŭtrala asocio, forŝiris la afiŝon dirante ke ĝi estas komunista propagando, tipe SAT-a.

SAT jam delonge faras kampanjon por «tutmondiĝo kun homa vizaĝo». Bedaŭrinde la agantoj estis kontraŭbatalitaj de la anoj de tiu grupo, kiu nuntempe pruntepreni vin.

Eble ne estus malbone se vi propagandus SAT kia ĝi estas, ne gvidata de demagogoj aŭ potenculoj, sed individuaj agantoj, progresemuloj kiuj klopodas socialigi la mondon, kiuj ribelas kontraŭ la multnaciaj entreprenoj, kiuj interesiĝas pri ekologiaj temoj, kiuj partoprenas en ĉi tiuj movadoj ne por aktive gvidi ĝin, sed por agadi kaj entrepreni kontraŭ la malsocialaĵoj.

Fine vi skribis ke ekzistas spaco por cent SAT-oj kaj cent UEA-oj. Bone, petu al Ans Bakker kaj Flory Witdoeckt (la prezidantinoj de Esperanto Nederlando kaj Flandra Esperanto Ligo) kion ili pensas pri mia ideo restarigi FLE-on?

Mi ne faros, mi ne estas idioto. Sed bonvolu diri la samon pri tiu cent-oj en la medio de UEA, eble dum la venonta Faŭlhaber semajnfino, kie 3 SAT-anoj prelegos (en Nederlando mi ne spertis la kontraŭecon al SAT kiel en Flandrio), kaj mi garantias al vi, ke vi revivigos debaton kiu jam fariĝis profunda en Nederlando. Se iam la fundamentistoj el UEA kiuj daŭre propagandas SAT kiel stalinista strukturo malaperos, tiam ambaŭ asocioj devove povos kreski, ĉar ambaŭ asocioj estas necesaj, ambaŭ havas sian rolon. SAT estas kaj restas la plej granda strukturo kiu uzas esperanton kiel laborlingvon.

## "Se ne nazia, almenaŭ faŝisma"

Kun granda miro kaj konsterniĝo mi legis la aserton de k-do Ledon pri la "Manifesto de la Sennaciistoj", ke "tiu manifesto estas preskaŭ same nazia kiel la 'Mia lukto' de Hitlero". Tio ŝajnis al mi absurda eldiro, ne inda je respondo. Kaj vere, en la marta numero de S-ulo, k-do Mickle ankaŭ klare refutis tiun eldiron de k-do Ledon, kaj mi kredis la aferon finita.

Sed bedaŭrinde k-do Ledon opinias plutrenenda la aferon kaj en la junia S-ulo provis respondi. En tiu respondo li klarigas, ke li intencis nur sendi "iom da 'mal-



varma akvo»' al s-ro Kuhl, ĉar "la stultaj homoj [...] bezonas multajn, multegajn duŝojn per malvarmega akvo antaŭ ol ion percepti aŭ konscii.» Tion dirinte, kaj ricevinte mem malvarmetan duŝon de k-do Mickle, li tamen tuj plendas, ke "jen en SAT delonge oni ne povas surverŝi malvarman akvon».

Nu, ankaŭ tiun aserton mi ne komprenas, finfine ja ni troviĝas en plej bela akvobatalo. Kaj mi tute ne kontraŭas tiajn batalojn. Kiel infano mi mem ĝuis batali en ĝardeno kun akvotuboj kontraŭ la amikoj. Kaj mi ankaŭ ĉi-jare ĝuis dum ĉemara IJF en Italio.
Se mi do principe tute ne kontraŭas la intencon de k-do Ledon, rekonsciigi iom transmondajn kamaradojn per ŝokoj de malvarma akvo, mi tamen forte malaprobas lian stultan agadon kontraŭ Sennaciismo.

Mi vivas en Germanio, en Berlino. En mia lando ĉiumonate veraj faŝistoj, veraj nazioj, mortigas homojn, murdas homojn, ĉar ili aspektas eksterlande, ĉar ili portas "judajn" nomojn, ĉar ili surstrate kisas anojn de la sama sekso. Kiam mi ankoraŭ estis lernejano, tiaj homoj mortbatis turkan samklasanon de mi, en la strato, kelkajn me-

trojn de la lernejo. Mi iomete scias, kio estas faŝisto, kio estas nazio. Sed mi dubas, ke k-do Ledon scias, kion li babilas, se li nomas la "Manifeston de la Sennaciistoj" "preskaŭ same nazia kiel la *"Mia lukto"* de Hitlero", se li nomas la — koncedite idiotan — leteron de s-ro Kuhl "faŝismeca, nazia".

Kontraŭe: la laŭstatuta celo de SAT, kiu cetere formuliĝis de Lanti, estas kontraŭbatali la dogmiĝon kaj servi kiel klerigejo per konstanta diskuto inter la membraro. En tia diskuto oni iom atentu pri siaj argumentoj. Ne ĉio, kio ne plaĉas al oni, estas pro tio aŭtomate "nazia". Antaŭ ol facilanime kulpigi seriozajn SATanojn pri *faŝismeco*, oni bonvolu mem preni "iom da malvarma



akvo" por povi denove "ion percepti aŭ konscii".

Kiel jam diris k-do Mickle, kaj kiel denove diras mi: "nenio en la Manifesto meritas la brulstampon de faŝismeco". La sola loko, kiun citas k-do Ledon subtene por sia akuzo, estas la sekva frazero: "batali kontraŭ ĉio nacieca". Kiu scias nur iom pri faŝismo, scias ankaŭ, kiel fanatike ĝi ĉiam batalas por "ĉio nacieca"!

Kaj ĉu ne ni SATanoj, socialistoj, komunistoj, anarĥiistoj ktp., ne samvojanoj sed samcelanoj, ĉu ne ni ankaŭ batalas? Batalas kontraŭ ĉiuj formoj de ekspluatado de la homo per la homo?

K-do Ledon provas doni al tiu elkuntekstigita frazereto la aŭron de *faŝismeco*, dirante, ke li "ne vidas, [...] kiel iu sennaciisma sistemo [...] povus instaliĝi sen ŝtata aparato, se ne nazia, almenaŭ faŝisma."

— Nu, tio ja estas ĝuste la problemo, ke k-do Ledon nenion vidas! Ĉar, se li vidus, li vidus ankaŭ la vortojn de k-do Mickle, kiu ja tute prave klarigas, ke "la citaĵo en sia



efektiva kunteksto koncernas la sennaciistojn kaj ne iun ŝtatan sistemon." Se k-do Ledon vere "ion perceptus aŭ konscius", li ankaŭ rimarkus la jenajn partojn en la Manifesto:

"La sennaciistoj tamen ne kontraŭstaras al tiuj, kiuj sincere kaj sindone batalas por ke la nacioj akiru sian memstarecon, ili nur ne konsentas mem partopreni tian batalon, sciante tre bone, ke la nacia memstareco ne liberigas fakte la proletojn, ke ĝi povas nur profiti al la burĝa klaso; tial ke plie ili scias, ke en la nuna stadio de l' produktofortoj plena nacia memstareco eĉ ne eblas kaj sekve, ke ĝia akcelado estas utopia."

Ĉu tio eĉ nur iel kompareblas al *"Mia lukto"* de Hitlero?

"Se oni demandus nin: "Kiel vi kontraŭbatalas?' Ni respondus: tiel same kiel la 'kontraŭimperiistoj', — per paroloj. Kiam en la revolucia gazetaro el la tuta mondo estis laŭdata la batalo de l' nikaragva patrioto Sandino kontraŭ la usona imperiismo, la redaktoroj ne volontiĝis en lian armeon por partopreni per armiloj la batalon.

"Kiam en kolonioj ribelas indiĝenoj kaj batalas kontraŭ siaj ekspluatantoj, ni kompreneble aprobas; sed ni avertas, ke veran emancipiĝon la indiĝenoj ne atingos per "nacia sendependiĝo"; ni rekomendas, ke ili klasbatalu, ke ili kunigu siajn fortojn kun tiuj de la tutmonda pro-



letaro por tiel forigi ĉian ekspluatadon. Se en iu metropolo la laboristaro strikus por ĉesigi kruelan ekspluatadon en kolonioj, ni ankaŭ kompreneble partoprenus tian strikon."

Ĉu tiu eldiro estas "se ne nazia, almenaŭ faŝisma"?

Ĉi ĉion k-do Ledon ne vidis. Li vidis nur tiun etan frazparton "batali kontraŭ ĉio nacieca" kaj fantazias pri faŝisma ŝtata aparato, kiun la sennaciistoj volus instali.

Kaj fakte mi vere dubas pri tio, ke k-do Ledon vere legis la Manifeston.



Li laŭdas sin pro sia "kosmopoliteco", eĉ retorike demandante "ĉu tio ne estas iom pli ol simpla sennaciisto?"' Komparu:

Lanti: "La termino [Sennaciismo] per si mem estas tute klara: ismo, laŭ kiu ne ekzistus nacioj kaj sekve ĉiuj homoj sur la tero estus samregnanoj, mondcivitanoj."

Mi ne volas ĉi tie komenci propagandon pri sennaciismo. Mi ne postulas de k-do Ledon, ke li iĝu konvinkita sennaciisto. (Tio estus sufiĉe vana postulo.) — Sed mi postulas, ke li ne provu mutigi seriozajn SATanojn per mensoga akuzo pri faŝismo. Tiaj senbazaj akuzoj plej certe malebligas la "liberan diskutadon", kiun mencias la Statuto, kaj plej certe ne helpas al la sendogmiĝo, kleriĝo, kiuj estas la esencaj funkcioj de SAT.

Sebastiano, m-ulo 35.358

## CERBAJ IMPULSOJ

* En tagĵurnaloj estas plej facile trovi la veron en «nigraj rubrikoj».

* Plej ŝvitas tiuj, kiuj serĉas lokon sub la suno kaj ne trovas ĝin.

*La ŝtata mano en via poŝo signifas, ke via poŝo ne estas suverena.

DoMo

## 85-A U.K.E. EN TEL-AVIVO
## KUNVENO DE SAT-ANOJ

27-an de julio 2000 en ĉambro Maschler - 11h45-12h30

Gvidas la kunvenon **Yamasaki** Seikô, - reprezentas la SAT-Plenumkomitaton, Floreal **Gabalda**, - protokolas: Gilbert **Ledon**.
La kunvenon partoprenas 40 homoj, nur 14 personoj ne estas SAT-membroj.
Petro **Chrdle** salutas nome de faka agado de UEA.
**Yamasaki** Seikô legas la bonvenigan mesaĝon de prezidanto de la SAT-Plenumkomitato, Yves **Peyraut**, kiu elstarigas la neceson, ke la laboristoj unuiĝu, por trovi taŭgan solvon al niaj krizoj. SAT de 70 jaroj provas kontribui laŭ siaj fortoj.
La kunveno sugestas, ke la ĉeestantaro starigu demandojn. Jacques **Caubel** rekomendas, ke la landnomoj devu klare aperi. Ni respondas, ke ni estas mondcivitanoj, do la landnomo ne gravas.
Jiri **Rada** transdonas kolektitajn poŝtmarkojn al komitatano F. **Gabalda**.
Margarete **Bettmann** demandas, ĉu estas arabaj SAT-membroj. Ĉar la asocio ne atentas pri tiaj individuaj sintenoj la demando estas malfacile respondebla. Ĉiuj, kompreneble ankaŭ araboj, estas bonvenaj en SAT.
Vincent **Charlot** petas pri raporteto el la ĵusa Moskva SAT-kongreso. **Yamasaki**, kiu partoprenis nur dum 3 tagoj donas skizon. Li aparte elstarigas la proponon de Marteno **Bustin**, kiu sugestas, ke la SAT-plenumkomitatanoj ne devige estu nur en la sama urbo.
Kep **Enderby**, nia SAT-membro, nuna prezidanto de UEA, elstarigas, ke la nocioj pri naciismo, naciulo, estas nur en la homaj mensoj, ĉar la homoj nur hazarde naskiĝas en unu aŭ alia loko.
Dieter **Rooke**, demandas "kio estas SAT", **Gabalda** sendos detalajn informojn.
Reaperas la konstantaj demandoj pri nocioj - sennaciismo kaj sennacieca. **Gabalda** klarigas la celojn de la SAT-frakcioj.
Jehoŝua **Tilleman** precizigas, prave, ke el ismo ne devige venas dogmoj. Ni elstarigas la klerigan celon de SAT.
Pamela **Lieber** demandas, kion faras la SAT-anoj. **Gabalda** respondas.
Kio pri nova PIV, ree aperas la scivolo.
Claude **Nourmont** deklaras, ke tion, kion UEA ne povas fari pro neŭtraleco, SAT feliĉe povus plenumi. Kunlaboro estas bonvena.

Protokolis: Gilbert **Ledon**

# Liberecana Frakcio de SAT




## RECENZO DE 1A N-RO DE «LA VERBO» de Gary M.:

«En Pollando ne nur reaperis dum la lastaj monatoj la longe perdita neŭtrala junulara asocio, sed ankaŭ estiĝas iniciatoj celantaj kunligi kaj varbi Esperanto-interesitojn el la alternativa-punka-liberecana medio. Unu el ili estas la gazeto "La Verbo", kies unua numero aperis antaŭnelonge. Ĝi estas preskaŭ tute pollingva, sed celas iĝi dulingva jam ekde la venonta numero. Kiel la enkonduka artikolo konstatas, la interesiĝo pri Esperanto en la sceno pograde kreskas, sed tio estas izolita fenomeno pro la totala manko de informoj pri Esperanto. Tial ankaŭ "La Verbo" estas unu el la gazetetoj (krom Die Leer el Pock kaj Never B-29 el Mielec) inklinitaj trakti tiun demandaron) Internacia lingvo faciligus ankaŭ la kontakton kun punkoj, liberecanoj, verduloj, feministinoj tutmonde. Ĉiu povus interkompreniĝi sen peniga lernado de aliaj lingvoj. «Invitataj kunredakti estas bandoj, produktantoj, gazetetoj, aŭtonomaj grupoj, por ke aliaj alternativuloj de diversaj mondopartoj povu konatiĝi kun la realaĵoj de nia landa sceno»

La unua numero de "La Verbo" enhavas i.a. artikolojn pri persekutado de anarkiistoj en Italio, la situacio de afganaj virinoj, aplikado kaj baza gramatiko de Esperanto, agado por bestaj rajtoj kaj kontraŭ cirkoj, anarki-feminismo, senmona interŝanĝo.

Kontakto ĉe Lukash, P.O.Box 239, PL-34120 Andrychów. reto: verbo@go2.pl. Esperanta l'Banko de Adresoj estas iniciato de tri gazetoj, kiuj klopodas krei komunikrondon de individuoj, bandoj, ekologiaj, kontraŭfaŝismaj, liberecanaj k.a. grupoj, alternativaj firmaoj, kiuj volas interkompreniĝi per Esperanto. Oni volas eldoni daŭre aktualigatan adresoliston. Kontakto ĉe la adreso de "La Verbo", ankaŭ ĉe: Never B-29, Arek Jelen´, ul. Niepodlegos´ci 8/2, PL-39-300 Mielec, reto: arkj@poczta.onet.pl kaj ĉe Die Leer zine, Tom Krzemieniewski, ul. Polnocna 30/34, PL-09-402 Pock.

(GM)

# Aliaj pri ni....

En la lasta numero de Sennaciulo aperis nekrologa noto pri nia k-do Raoul BULCOURT. Li estis profesie tre aktiva (tipografo-korektisto) kaj en tiu profesio li estis unuanime ŝatata. Jen parto de iu teksto kiu aperis en franclingva gazeto "Le Mutualiste" (La Mutualisto), gazeto de la mutuala asocio M.N.P.L. al kiu aliĝas SAT.

AMIKO DE LA MUTUALO FORLASIS NIN

Raoul BULCOURT atingis la finon de sia vojo, je la fino de sia tasko, vendredon la 19-an de majo 2000. Krom la perdo de amiko... ni perdis homon-libron, vivantan memoron... Aŭtodidakto, esperantisto, germanisto, la amiko Raoul, svelta kaj modesta piediranto de Parizo, li pasis ĉirkaŭ ni donacante, sen kalkuli sian tempon, sian grandan kompetentecon, sian afablecon kaj sian homaman senton.

Michel Goislard




# 74-a Kongreso de S.A.T.

2001.julio 14-20
en Nagykanizsa, Hungario

Organiza Kongresa Komitato (OKK) :
Prezidanto : Tibor SZABADI, PF 66, HU-8800 Nagykanizsa.
retadreso: <esptibor@pro.hu>
Sekretario : Béla KOVACS, Béla kiraly u. 44, HU-7400 Kaposvar.

**Kotiztabelo (ĉiuj prezoj en Francaj Frankoj kaj € )**

| Kategorio | 31.12.2000 | 31.03.2001 | 31.05.2001 | poste |
|---|---|---|---|---|
| SAT-membro | 300 FRF/46,15€ | 360 FRF/55,38€ | 430 FRF/66,15€ | 500 FRF/76,92€ |
| SAT-geedzoj | 480 FRF/73,85€ | 580 FRF/89,23€ | 690 FRF/106,15€ | 800 FRF/123,08€ |
| SAT-gejunuloj | 150 FRF/23,08€ | 180 FRF/27,69€ | 215 FRF/33,08€ | 250 FRF/38,46€ |
| nemembroj de SAT | 400 FRF/61,54€ | 460 FRF/70,77€ | 530 FRF/81,54€ | 600 FRF/92,31€ |
| geedzoj, SAT-nemembroj | 630 FRF/96,92€ | 730 FRF/112,31€ | 840 FRF/129,23€ | 950 FRF/146,15€ |
| gejunuloj, SAT-nemembroj | 200 FRF/30,77€ | 240 FRF/36,92€ | 285 FRF/43,85€ | 330 FRF/50,77€ |

Infanoj (ĝis 15 j) ne pagas kotizon.

- La supre menciitaj kotizoj (kategorio A) validas por la partoprenantoj el la landoj de Eŭropo ne sube menciitaj kaj el Aŭstralio, Israelio, Japanio, Kanado, Usono, Korea Respubliko, Sudafriko.
- La partoprenantoj el CZ, HU, PL, SK, SI (kategorio B) ĝuas 40% rabaton.
- La partoprenantoj el AL, BG, RO, eksa SU, eksa YU krom SI kaj ĉiuj afrikaj, amerikaj kaj aziaj landoj krom supre menciitaj (kategorio C) ĝuas 60% rabaton.



NAGYKANIZSA





Kelkaj bildoj el nia venontjara kongresurbo.

Pli da informoj pri la kongreso mem vi povos legi en la venontaj numeroj de Sennaciulo

## KIAL ĜUSTE NAGYKANIZSA ?

Sub tiu titolo aperis en Esperanto bela kolora turisma propagandilo pri la urbo kaj la regiono de Nagykanizsa. Sur la dekstra bildo oni vidas la situon de tiu ĉi hungara urbo. Do ĝi estas facile atingebla por ĉiuj. Tiu ĉi bela prospekto estas senpaga, sed bonvolu aldoni US$ por la afranko. Ĝi estas mendebla per la adreso de la O.K.K.








Nagykanizsa Megyei Jogú Város
POLGÁRMESTERE

H - 8800 Nagykanizsa, Erzsébet tér 7. Tel: + 36 93 500701 Fax: + 36 93 500730

AL LA PARTOPRENANTOJ DE 73. SAT ESP. MONDKONGRESO,
AL PREZIDANTARO

Moskvo

Altestimataj Gesinjoroj!

Estime mi salutas la prezidantaron de la kongreso k ĉiujn partoprenantojn en la nomo de urbo Nagykanizsa, kie en la sekvonta jaro okazos la 74. SAT Esperanto Mondkongreso.

Altestime mi invitas vin, ke en la jaro 2001. venu kaj vizitu al nia urbo Nagykanizsa, kaj partoprenu dum la 74-a SAT kongreso!

Nia bela urbo nombras kvindekmil da loĝantoj, kiu situas je sudokcidenta parto de Hungario, sur agrablaj dombetoj, la urbo estas proksime al la lago Balatono, kaj ni certigas multajn kulturajn k sportajn eblecojn por la vizitantoj.
Mi fidas je tio, ke en la sekvonta jaro ni estos gastiganto de sukcesa kaj rezulta kongreso, kie multaj geesperantistoj povos partopreni el ĉiuj partoj de la mondo.

Nagykanizsa ĉiun bonvole atendos!

Nagykanizsa, 2000-07-20.

István Tüttő
urbestro de Nagykanizsa

# Oficiala invito!

Dum la kongreso en Moskvo, venis al la kongreso s-ro Istvan Tüttö, urbestro de la venontjara kongresurbo de SAT, Nagykanizsa (prononcu: Nadjkaniĵa). En bela Esperanto li legis la ĉi apudan oficialan invitleteron, kiun li poste transdonis al la ĝenerala sekretario de SAT, k-do Barkoviĉ, kiu elkore dankis al li kaj kun plezuro akceptis tiun ĉi inviton. La kongreso aplaŭde aprobis tiun akcepton.

Sinjoro urbestro estis akompanata de la prezidanto de la O.K.K., nia k-do Tibor Szabady, ĝenerala Konsilanto de SAT, kiu servis kiel tradukanto. Konstatinte mirindan parolfluecon de nia lingvo kaj tre amikan kaj kamaradecan etoson kiun ebligas Esperanto, s-ro urbestro promesis laŭeble iom lerni Esperanton ĝis la venontjara kongreso.

Ni do esperas venontjare povi senpere komuniki kun li en Nagykanizsa kaj danki al li pro la subteno kiun li persone kaj la urba konsilantaro de tiu ĉi urbo alportas al nia kongreso kaj al nia lingvo.



## Ni legis por vi......

### Gramatiko de Esperanto. Miroslav Malovec. 2a eldono. Kava Pech eld.

Multas gramatikoj de Esperanto; tiu ĉi, en 133 paĝoj, plenas kiel ovo per densaj klarigoj klasike ordigitaj: vortofarado, morfologio, sintakso... La samideano, kiu ne volas aŭ ne povas akiri pli longan verkon, trovos en tiu ĉi kompendio ĉiujn necesajn klarigojn por kompreni la meĥanismon de Esperanto. Por testi ĝin, oni ekzemple esploru pri la difino de *medialo* (p. 72) aŭ pri la resumo de la kverelo *ata / ita*, kelkajn paĝojn poste. Jes ja pedanto povos trovi iun aŭ alian manketon neeviteblan en tia kompakta studo; ekz. ĉu akuzativo post neasimilita propra nomo? Sed tiaj detaloj eĉ ne indas menciadon.

La plej originala parto estas la 7a, 8a kaj 9a ĉapitroj, nekutimaj en gramatiko. Ili traktas pri vortoprovizo, stilistiko, tradukarto, kaj donacas al la leganto ne nur la kapablon koni la funkciadon de la lingvo, sed ankaŭ l'arton elegante uzi ĝin.

Riĉa kvankam konciza, klara kvankam kompleta, tiu modelo de teknika libro meritas fariĝi la ĉiutaga referencilo de ĉiu serioza esperantisto. La prezentado de Kava Pech estas kiel kutime alloga kaj tipografie neriproĉebla. Antaŭvidebla sukceso!

*Johan' Luko*

### La Edikto de Nantes. A. Cherpillod. Memeldono.

Tiu 40-paga verketo priskribas la kalvarion de la francaj protestantoj tra la 17-a jarcento; ĝi fakte jam komenciĝis en la 16-a kaj daŭris ĝis la jarcento "de la lumoj". Masakroj, amasbuĉadoj (Sankta Bartolomeo) dragonumadoj (persekutoj far kavalerianoj nomitaj dragonoj).

Sed tiuj jaroj ankaŭ vidas la komencon de religia toleremo: en 1598 la reĝo Henriko la Kvara proklamas la Edikton de Nantes, historian limŝtonon ebligantan esperi la finon de la Religiaj Militoj, kiujn la 16-a jarcento semis unu post l'alia.

Nun eĉ la protestanta memoro ne tre ŝatas tiun edikton, kiun Janine Garrisson, historiisto de la franca Reformacio, katalogas kiel "verkon pro cirkonstancoj [...] laman kaj malperfektan". Tamen Ludoviko la Dekkvara nuligis ĝin. Post senespera rezistado de la protestantoj (ekz. la Milito de la Kamizardoj) kaj amasa rifuĝado eksterlanden, iom post iom la mensoj kaj ideoj de l'epoko ŝanĝiĝas, toleremo aperas kaj malrapide enradikiĝas. A. Cherpillod taŭge reliefigas la neceson de senfanatikecaj religiaj sintenoj.

Tiu broŝuro sukcese eltenas la malfacilan defion resumi preskaŭ 2 jarcentojn de religia historio, konvene kaj senerare, kvankam pasie. Sed oni ĉiam parolas pri tiu edikto, ne konante ĝin. Nu, ties teksto estas konsultebla per la Reto; vi povas trovi plurajn retadresojn pri ĝi; se vi tajpas :

http://www.microtec.net/pcbcr/edit.html
vi tuj ricevas la francan tekston (92 paragrafoj sur 22 paĝoj de formato A4); aliaj adresoj donas komentojn, klarigojn, ktp. Ne hezitu konsulti tiun tekston mem; oni ekzemple sentas en ĝi la neceson de "forgeso de l'ofendoj" : "... la memoro de la pasintaĵoj restu estingita kaj en dormo [...] ni (tio estas la reĝo Henriko la Kvara) malpermesas [...] ĝian revekon...". Interesa komparo kun nunaĵoj.

Ch. Le Dréaut

S.A.T.  erinaco

DISTRA PAĜO POR SERIOZAJ SAT-ANOJ

## POR JUNAJ SAT-ANOJ

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 | | | ◯ | | INO |
| 2 | | | ◯ | | INO |
| 3 | | | ◯ | | INO |
| 4 | | | ◯ | | INO |
| 5 | | | ◯ | | INO |
| 6 | | | ◯ | | INO |
| 7 | | | ◯ | | INO |
| 8 | | | ◯ | | INO |
| 9 | | | ◯ | | INO |
| 10 | | | ◯ | | INO |

(Temas pri sufikso -IN, ĉiuj vortoj finiĝas je INO kaj prezentas tiujn homojn kaj bestojn kiuj laŭnature kapablas gravediĝi kaj naski idojn. Helpcele - inter krampoj estas donita komenca litero de ĉiu vorto).

Horizontale : 1. (O) Fratino de la patro aŭ de la patrino; 2. (A) Ina persono sub ies seksa aŭ kora inklino; 3. (S) Ino de la primato plej simila al homoj; 4. (G) Nobelino kies rango superas markizinon; 5. (L) Brita nobelino; 6. (F) Inseksa ido rilate al la aliaj idoj de la samaj gepatroj; 7. (V) Virino perdinta la edzon kaj ne edziniĝinta denove; 8. (A) Ina persono preta helpi al la konatoj; 9. (H) Ino de la fidela dombesto; 10. (L) Inseksa rabobesto el Afriko.

Vertikale : Signitaj lokoj : **Ĝentilectitolo en la laboristaj partioj por virinoj, ankaŭ ofte uzata en la rondo de SAT.**

Preparis: Ivan Močilnik